# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

28a jaro JANUARO-FEBRUARO 1976 N-ro 1



*La Laponoj melkas la nordajn cervinojn . . .*




## LKK 28a IFEF-KONGRESO KOMUNIKAS:

**Konstanta adreso:** 28-a IFEF-Kongreso
Hyttlidgatan 58 b
S-931 00 Skellefteå
Svedujo.

Banko: PK-Banken
S-931 00 Skellefteå
Kontonumero: 28-a Esperanto-Kongreso de IFEF. 3073 20 04527.

| **Kongreskotizoj:** (en Sv. Kr.) | **ĝis 28.2.1976** | **ekde 1.3.1976** |
|---|---|---|
| IFEF-anoj po pers: | 80,00 | 100,00 |
| Familianoj, Pensiuloj | 40,00 | 55,00 |
| Gejunuloj ĝis 20 jaroj | 40,00 | 55,00 |
| Simpatiantoj: Minimume | 25,00 | 25,00 |
| Ĉambroperado: Po lito | 15,00 | 15,00 |
| Tuttaga ekskurso: laŭ la programo | 75,00 | 75,00 |
| Duontaga ekskurso N-ro 1 | 20,00 | 20,00 |
| Duontaga ekskurso N-ro 2 | 20,00 | 20,00 |

**Loko de la Kongresejo:** Sporta Halo EDDA HALLEN.

**Poŝtstampo:** La centra poŝtoficejo en STOCKHOLM, konsentis je speciala poŝtstampo dum la kongreso. Agrabla novaĵo por la filatelistoj . . .

**Kongresglumarkoj:** Ili estas mendeblaj ĉe la LKK, laŭ la konstanta adreso. La prezo de la markoj estas:
3 folioj (30 markoj) = 3 internaciaj respondkuponoj.
5 folioj = 5 rpk-oj, 10 folioj = 10 rpk-oj . . .

**Aliĝoj:** La 8-an de januaro, aliĝis jam 78 partoprenantoj.

**Speciala sveda trajno:** Vidu "Bultenon nr. 1" de LKK - paĝo 3.

**Dana vojaĝ-grupo:** De Kopenhago ĝis Skellefteå kaj reen. Skribu al G. THUESEN, Langekaervej 40, DK 2750 BALLERUP, DANIO.

## BULTENO Nr. 1

### GRAVA INFORMO - ATENTU!

LKK kontaktis la centran oficejon de la Svedaj Ŝtataj Fervojoj (S J).
La kontakto temis pri aranĝo de EKSTRA TRAJNO por la gekongresanoj, inter MALMÖ kaj SKELLEFTEÅ.
Jen la rezulto. Oni promesas aranĝi ekstran trajnon, se sufiĉe multaj gekongresanoj anoncas sin vojaĝi per la trajno kiu ekiros de Malmö je la **16,25 h - la 11/6 1976** - TRAJNO-NUMERO **752**.
LKK petas ĉiujn gekongresanojn . . . se por via vojaĝo estas eble, mendu vian bileton al la notita trajno.
Petu vian vojaĝoficejon elskribi vian bileton laŭ la en tiu ĉi bulteno presita specimeno - ĝi temas pri NORMALA INTERNACIA FORMULARO.

La biletmendon oni devas sendi al:

**S J CENTRALFÖRVALTNING**
**TAPL - SNAP - Fack**
**S - 104 01 STOCKHOLM, SVEDIO.**

Petu al via oficejo plenumi la biletmendilon laŭ la suba modelo.

1. Notu en tiu ĉi parto "ESPERANTO"
2. Notu jen . . . MALMÖ-SKELLEFTEÅ
3. Notu jen: La dato 11/6/1976
   La ekiro de Malmö 16,25 h
   La numero de la trajno 752.

En la monato Junio estas en la trajnoj multe da vojaĝantoj, kaj pro tio estas necese mendi EĈ sidlokbileton . . .
Kaj krom tio, la 11/6 estas **vendredo** - tiu tago estas tago kiam la trajnoj estas plej ofte okupataj en nia lando.

SE vi agos laŭ nia deziro vi helpas al LKK kaj al la 28-a IFEF-kongreso, aranĝi specialan "ESPERANTO-EKSPRESO" tra tuta Svedio. Grandega propagando, ne nur por IFEF, sed ankaŭ por ESPERANTO.

Del/Portie D — SITTPLATSBILJETT Nr. 41936

1) ESPERANTO — STAM Typ 37072 — SJ — Souche Utg 1 — 74

2) från von/de MALMÖ C — till nach/à SKELLEFTEÅ Stad

Klass Classe — 30

3) 11/6-76 16 25 752

Pris/Prix S Kr — Reserverad plats — Platzzuteilung - Places attribuées — Namn Nom Adress

Tillägg/Supp. S Kr — Klass Classe — 30

Summa/Total S Kr

# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 28-a IFEF-KONGRESO

**Tagordo por la 1-a kunsido Estraro-Komitato** (ne-publika)

1. Malfermo
2. Diskuto pri estrar-elekto
3. Honorigoj
4. Diskuto pri la rilatoj FISAIC, ITF, UEA, kaj ev. aliaj
5. Diskuto pri kongresproponoj
6. Diversaĵoj.

**Tagordo por kunsidoj Estraro-Komitato** (publikaj)

1. Malfermo kaj konstato de la mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj kaj leteroj
3. Raportoj estraraj
   3.1. de sekretariino
   3.2. de redaktoro
   3.3. de kasisto
   3.4. protokolo
4. Raporto revizoroj
5. Raporto pri komitata laboro
6. Resumo de raportoj landaj asocioj
7. Laborplano: i.a. diskuto pri la skemo de jarraportoj, historio de IFEF
8. Kontaktkunveno kaj fakprelego en UK Ateno 1976 kaj ev. 1977
9. Rilatoj al aliaj organizaĵoj
10. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
    10.1. Terminara Komitato
    10.2. Fakprelega Komitato
    10.3. Junulara Sekcio
    10.4. Komisiono pri varbado/informado
    10.5. Komitatano A de UEA
11. Konfirmo junulara gvidanto
12. Konfirmo kotizo 1977
13. Kongresproponoj
14. Buĝeto
15. Estrarelekto
16. Elekto revizoroj
17. Elekto de kongresloko 1977 kaj kongreslando 1978
18. Libera diskutado

**Tagordo por la kunsido Fakprelega Komisiono**

1. Ideoj pri fakprelega regularo de la statuto.
2. Kompetentoj kaj distancoj: konciza raporto pri la fakprelegaj aktivecoj ĝis la 28-a IFEF-kongreso.
3. Spertoj kaj kritikoj pri la nove redaktitaj ĝeneralaj gvidlinioj.
4. Prelegotemoj kaj kunlaborantoj por la 29-a kaj 30-a kongresoj; fakaj eventoj en ceteraj renkontiĝoj.
5. Diskuto, sugestoj, proponoj.

**Tagordo por la kunsido de la Junulara Sekcio**

1. Plibonigo kaj intensigo de varbado kaj informado ĉe junaj fervojistoj.
2. Kromaktivecoj por pligrandigi la nombron de junaj IFEF-anoj.
3. Rilatoj de ne-esperantistaj junularaj organizaĵoj kun TEJO.
4. Organizado de junularaj aranĝoj.
5. Rilatoj de respondeculoj pri junularaj aferoj de la landaj sekcioj kaj la junulargvidantino. Planagado por 1976-a.
6. Diversaĵoj.

*Daŭrigo sur apuda paĝo:*

**Tagordo por la kunsido de la Terminara Komitato**

Malgraŭ du leteroj senditaj al la Terminara Komitato ne atingis min ĝis la 4-a de januaro 1976 iu ajn informo pri tagordo aŭ kunsido dum la 28-a IFEF-kongreso.

**Tagordo por la kunsido de la komisiono Varbado/Informado**

1. Esploro de la varb-demandiloj
2. Proponoj
3. Eventualaj diversaĵoj.

La ĉefkomitatano: Kurt Greutert

## KONGRESPROPONOJ AL LA 28-a IFEF-KONGRESO

**Kongrespropono 1:**

AFEF (Aŭstrio) proponas, ke - pro la malsukcesoj en la diversaj landaj asocioj - IFEF klopodu, pere de oficiala kontakto kun la fervojaj administracioj de ĉiuj landoj, denove aperigi la ESPERANTO-klarigojn en la horaro. La instigo estu sur oficiala papero - en **ESPERANTO.** Tiel oni ankaŭ pravigas la ekziston de ESPERANTO-traduka servo ĉe ĉiu administracio, kiu nuntempe ofte estas nura formulaĵo kaj sen okupo.

**Kongrespropono 2:**

IFEF antaŭvidu kaj agnosku anstataŭ "komitatanon" t.n. "rajtigiton" ("reprezentanton") de esperantista fervojista organizaĵo en landoj, en kiuj landaj sekcioj estas likviditaj aŭ ne ekzistas pro ne de ili dependaj kaŭzoj kaj la membroj aliĝintaj al IFEF egalas 20 aŭ pli.

Komentario: Post likvido de la Fervojista Sekcio fare de la Ĉefa Estraro de la Pola Esperanto-Asocio (nefervojista sed tutlanda organizaĵo) ne ekzistas jam en Pollando landa fervojista sekcio. La unuopaj grupoj de la fervojistaj esperantistoj nun nomataj laŭ statuto de PEA "rondoj" ne formas plu unuecan organizaĵon, ĉar ĉiu rondo apartenas al la en la loko troviĝinta filio de PEA, kaj en tiu karaktero ili ne rajtas elekti komitatanon.
Propono farita de komitatano Erazm Nawrowski.

**Kongrespropono 3:**

K. Greutert en sia funkcio kiel ĉefkomitatano proponas:
Reelekti la ĝisnunajn IFEF-estraranojn, prezidanto Joachim GIESSNER, vicprezidanto Wim van LEEUWEN, sekretariino Elfriede KRUSE, kasisto Henning HAUGE kaj redaktoro Guy DELAQUAIZE, por la oficperiodo 1976 - 1978.
Komentario: Ne alvenis demisio, tio do fakte signifas ke ili ĉiuj pretas daŭrigi por plia oficperiodo. Ĉiuj laŭ siaj fortoj kaj povoj plenumas sian oficon kaj tre harmonie kunlaboras inter si. Faktoj kiuj pravigas reelekton.

**Kongrespropono 4:**

K. Greutert en sia funkcio kiel ĉefkomitatano proponas:
Elekti novan komitatanon de UEA, kiu, kiel eble jam ekfunkciu dum la kongreso 1976 en Ateno.

*Daŭrigo sur paĝo 6:*

Komentario: 1976 estas la lasta oficjaro de la nunaj komitatanoj de UEA, por 1977 oni do ĝenerale devos aŭ elekti novajn aŭ reelekti la ĝisnunajn komitatanojn. Tio validas ankaŭ por la komitatanoj elektitaj de fakaj asocioj. D-ro Istvan Bacskai rezignas je plia kandidatiĝo al tiu ofico, male, li preferus esti anstataŭata jam por la venonta kongreso, ĉar antaŭvideble li ne povos partopreni tiun kongreson kaj laŭ statuto de UEA ne eblas al faka asocio sendi anstataŭanton por komitatano A.

**Kongrespropono 5:**

K. Greutert en sia funkcio kiel ĉefkomitatano kaj komisiito pri kontaktoj kun la Pola Esperanto-Asocio proponas:
La IFEF-komitato ekzamenu la situacion de la pola organizaĵo "Pola Fervojista Esperanto-Fakgrupo", kiu estas landa sekcio de IFEF en Pollando kaj decidu pri estonta kunlaboro.
Komentario:
a) La pola landa sekcio dum 1974 kaj 1975 ne pagis kotizojn, laŭ statute la komitato do devas ekzameni la situacion kaj fari decidon pri plia daŭrigo.
b) La pola landa sekcio, laŭ ricevitaj informoj, estas novorganizita. Tial la IFEF-komitato devas ekzameni la novan polan statuton aŭ reglamenton. Statuto de landa organizaĵo ne rajtas enhavi artikolojn kontraŭaj al la statuto de IFEF.
c) Malgraŭ pluraj klopodoj de la IFEF-prezidanto, de la ĉefkomitatano kaj de la pola IFEF-reprezentanto ĉe la prezidanto de Pola Esperanto-Asocio (PEA) s-ro Swistak, niaj leteroj ĝis hodiaŭ restis sen respondo.

## MEMBROSTATO DE IFEF 1975

| | 1975 | 1974 |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 202 | 202 |
| Belgio | 50 | 50 |
| Britio | 31 | 27 |
| Bulgario | 150 | 150 |
| Ĉeĥoslovakio | 60 | 60 |
| Danio | 76 | 80 |
| Finnlando | 22 | 25 |
| Francio | 405 | 360 |
| Germanio | 846 | 877 |
| Hispanio | 230 | 230 |
| Hungario | 201 | 201 |
| Italio | 130 | 130 |
| Japanio | 20 | 20 |
| Jugoslavio | 60 | 60 |
| Nederlando | 93 | 93 |
| Norvegio | 53 | 54 |
| Pollando | 25 | 25 |
| Rumanio | 20 | 20 |
| Svedio | 170 | 170 |
| Svisio | 110 | 110 |
| Izolaj membroj | 12 | 10 |
| Adoptitaj membroj | 20 | 20 |
| | 2.986 | 2.974 |

Hjørring la 13-a de januaro 1976
La kasisto:

H. HAUGE



## JARKALKULO 1975

| Enspezoj | da. kr. | Elspezoj | da. kr. |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 37.408,59 | Internacia Fervojisto | 28.215,00 |
| Kotizoj adoptaj | 108,00 | Estraraj kunsidoj | 2.740,99 |
| Japana fonduso | 1.047,52 | Administrado | 1.417,85 |
| Rentumoj | 1.839,43 | Kotizoj UEA kaj SAT | 339,05 |
| | | Reprezentado | 768,80 |
| | | Japana fonduso | 1.047,52 |
| | | Diversaĵoj | 145,03 |
| | | | 34.674,24 |
| | | Plienspezoj | 5.729,30 |
| | 40.403,54 | | 40.403,54 |

## BILANCO JE LA 31-a DE DECEMBRO 1975

| Aktivoj: | da. kr. | Pasivoj: | | da. kr. |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 605,12 | Ŝuldo Studio Nevan | | 1.654,57 |
| Poŝta ĝirkonto | 5.059,74 | Kongresa garantia fonduso | | 3.175,79 |
| Bankkonto Hjørring | 9.205,01 | Jubilea fonduso | | 1.907,75 |
| Bankkonto Hjørring | 458,10 | Japana fonduso | | 3.174,51 |
| Bankkonto Praha | 959,04 | Havaĵo 1,1,75 | 30.688,64 | |
| Depon- kaj ŝparlibroj | 24.810,55 | Havaĵpliigo | 5.729,30 | 36.417,94 |
| Nepagitaj kotizoj | 5.232,00 | | | |
| | 46.329,56 | | | |
| Inventaro | 1,00 | | | |
| | 46.330,56 | | | 46.330,56 |

Tolne la 13-a de januaro 1976
La kasisto:

H. HAUGE

Århus la 18-a de januaro 1976
La revizoroj:

E. SØRENSEN
A. KLAUSEN
R. MIKKELSEN

# LA FAKPRELEGA KOMISIONO EN 1975

Fakartikoloj en la Internacia Lingvo, fervojfakaj gvidadoj, pli ankoraŭ fakprelegoj kaj referaĵoj kun diskutoj resumas la esencon de nia faklingva laboro sur evoluigenda terminara bazo. Nur tiuj legitimas niajn kongresojn kaj konferencojn. Nur ili motivigas la ekziston de fervojfaka Esperanto-organizaĵo.
Nur malrapide sin konsistigas la komisiono al sia definitiva, laŭstatute funkcianta laborkomuno. Kvankam en ĉiu lando ekzistas kapablaj gekolegoj, la plej multaj landaj asocioj tamen ankoraŭ ne delegis konsilantan komisionanon al kunlaboro fakprelega. Tiel inter la kongresoj preskaŭ tute mankas koresponda kontakto inter asocioj kaj komisiono pri fakprelegaj eventoj aŭ planoj. Tio estas bedaŭrinda pro tio, ke aperas tekstoj resp. prelegoj, kiuj ne estas aprobitaj de niaj kompetentaj organoj terminaraj, kaj tamen volenevole trovas lokon en la arkivoj, el kiuj niaj vortaristoj devus ricevi siajn impulsojn por evoluigi nian faklingvon. Terminara laboro kaj lingva praktikado, lingvouzo devas pli konscie influi sin reciproke.
En kunsidoj kaj skribaj interkonsultadoj oni jam ripete traktis la problemojn, kiujn al reviziantoj kaj verkantoj kaŭzas la neakurateco en la procedo de la prelego-preparo, kvankam la statuta regularo klare fiksas limdatojn. Pro eraroj, mankoj kaj fuŝoj ripete okazintaj en diversaj kongresoj, la komisiono verkis bazajn, ĝeneralajn gvidliniojn pri kompilado, organizo kaj prezentado de fakprelegoj laŭ la respektiva regularo de la IFEF-statuto. La dumjara laboro kulminis en la kongresa fakprelego, kiu demonstris, ke malgraŭ niaj krizoaŭguroj strato kaj fervojo ne bezonas ĝis ekstermo konkurenci, sed povas racie kompletigi sin reciproke.
Dipl. Ing. Friedrich Tschom, kiel fakulo pri tiu afero, verkis kaj mem prezentis antaŭ ĉ. 180 aŭskultantoj aktualan temon el la kongreslando.
La aŭtomobil-transportado sur la Tauern-linio ŝajnas esti unu el malmultaj profitdonaj branĉoj de ÖBB. Modernigo de la trakvojo, novaj traseoj, viaduktoj, adekvataj ŝarĝebloj konsiderinde rapidigis kaj raciigis la trafikon sur fervojo kaj strato inter Salzburg kaj Karintio. La oferto de la fervojo ebligas hodiaŭ grandkapacitan rulantan ŝoseon tra la Tauern-tunelo kun atentinda ŝparo je mono kaj tempo. Arkivobildoj, ekspozicio kaj diskutaj demandoj kompletigis la scion pri la prelegotemo.
La prelegotekstojn bonaspekte broŝuritajn oni distribuis en la internacia kaj la germana lingvoj kun abunda statistika materialo, tabeloj kaj diagramoj. La prelego aperis intertempe en IF kaj germanlingve en Bulteno de GEFA. Laŭ la jarraporta resumo de IFEF la utiligo de fakprelegaj tekstoj en 1974 konsiderinde kreskis. La komisiono konsideras unu al siaj plej gravaj taskoj la distribuadon de bone tradukitaj nacilingvaj tekstoj. Bibliotekoj, arkivoj, kelkaj fakinstruaj gazetoj, fervojaj lernejoj kaj fakuloj intelektaj okaze volonte ricevas de ni eksplikojn pri aktualaj temoj el niaj kongreslandoj. Demonstrado de lingva, ankaŭ faklingva praktikado ofte pli multe imponas, almenaŭ elvokas

respekton se ne eĉ konvinkas, ol longa varbprelego.
Ankaŭ ja pro tia sperto, la komisiono estus preferinta, pli forte akcenti la fakan karakteron de nia 27-a kongreso, ekzemple per pli vasta aprezado aŭ resumo en la kongreslibro. La kongreslibro de la 24-a kongreso (Lugano) ankaŭ tiurilate povas esti modelo.
Interesuloj povas ricevi ankoraŭ kompletan liston germanlingvan pri ĉiuj fakprelegoj, aperintaj en Bulteno de GEFA, kiu ankaŭ eldonis dulingvan broŝuron kun reviziita originala teksto kaj germana traduko de la prelego "Evoluo de RENFE" el Tarragona.
IF 5/75 raportis pri la fervojista tago en la 60-a Universala Kongreso, kie okazis prelego, fakekskurso kaj filmo pri pecaĵtrafiko en la kopenhaga varterminalo, kiujn organizis kaj gvidis nia komisionano G. Thuesen.
Por la 28-a IFEF-kongreso estas proponita temo pri la erctransporto sur nordsvedaj kaj norvega linioj ĝis surŝipigo, denove fervojhistoria problemo el la gastlando. Ĝi jam troviĝas kompilita en koresponda kaj revizia procedo.
La fakprelega komisiono petas ĉiun landan asocion, delegi sian komisionanon pri fakprelegaj aferoj al la kunsido de la komisiono dum la 28-a IFEF-kongreso en SKELLEFTEÅ.

Brandenburg.




# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## ĈEĤOSLOVAKIO

La 4an - 5an de oktobro 1975 kunvenis en urbo Česká Třebová membroj de Fervojista Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio okaze de jubilea konferenco. Ĉi tiun konferencon partoprenis 50 anoj kaj kelkaj eksterlandaj gesamideanoj, kiuj vizitis ĈSSR por pasigi sian libertempon ĉe siaj amikoj, nome el Aŭstrujo, Germana Demokrata Respubliko, Germana Federacia Respubliko, Hungarujo kaj Svisujo. Kunvenon partoprenis prezidanto de ĈEA, s-ano J. Vítek.
La prezidanto de FS en konciza paroladо rememorigis dekjaran historion de FS kaj ĝian meritplenan fondinton s-anon Král Bohumil el Prago.
La sekretario s-ano F. Markl montris la bonajn spertojn, eĉ la erarojn, por ke nia estonta laboro estu pli bona.
Post la tagmanĝo ĉiuj piediris tra la ĉirkaŭaĵo kaj revenis je la 5-a en la klubejon, kie s-ino Kruse E. prelegis pri sia vojaĝo tra Japanujo, kaj montris pri ĝi belegajn diapozitivojn. Postan parton de vespero oni dediĉis al babilado, dancado kaj kantado.
Dimanĉe matene la partoprenantoj forveturis aŭtobuse en proksiman historian urbon Litomyšl kie ili trarigardis malnovan parton de urbo, kaj vizitis la naskiĝĉambron de nia fama komponisto B. Smetana.
Malgraŭ nefavora vetero estis ĉiuj kontentaj. Post reveno en Česká Třebová finiĝis la oficiala parto de la kunveno kaj restis nur malagrabla adiaŭo.
En la menso de partoprenintoj restos agrabla rememoro pri la medio inter amikoj.

## FERVOJAJ INFORMOJ

**Nun fervoja unuiĝo ankaŭ en Sudameriko.**

Antaŭ nelonge en Montevideo internacia konvencio estas subsignita per Argentinio, Bolivio, Brazilio, Ĉilio, Paragvajo, Peruo kaj Urugvajo, okaze de la 11a ĝenerala kunveno de la Latinamerika Fervoja Unuiĝo (ALAF), por integradi kaj pligrandigi la fervojan frajttrafikon en la teritorio de la La-Plata-bazeno.
La konvencio ratifenda ankoraŭ per la unuopaj registaroj antaŭvidas normojn por reguligi trafikon trapasantan la limojn, i.a. rilate la interŝanĝotajn varvagonojn, teknikajn kaj sanprotektajn postulojn, konteneran trafikon, luadon de rulanta materialo, klasifigon kaj tarifigon de frajtoj, kontreguladon, asekurajn kaj doganajn demandojn, internacian dokumentadon kaj transiron al aliaj transportsistemoj. Krom la traktado de teknikaj problemoj, ekz. riparado, kompetenteco okaze de akcidentoj kaj informaj sistemoj, oni decidis krei teknikan centrejon de la latinamerikaj fervojoj por klerigi fakulojn.

Tradukis
el "Deutsche Verkehrszeitung"
n-ro 138 W. Barnickel

## NEKROLOGOJ

### GERMANIO

La 11an de novembro 1975 mortis

**Adolf SIMON,** 76 jarojn aĝa.

Li kvazaŭ naskis la GEFA-Bultenon en 1952 kaj estis ties unua redaktoro. Poste li fariĝis ankaŭ prezidanto ĝis 1954 kaj reprezentis GEFA en la tiamaj IFEF-kongresoj. Krome li kunlaboris en la Terminara Komisiono. Li kompilis kompletan gramatikon kun vortprovizo en miniformato de 30 x 11 cm. Ankaŭ la konatajn tabloinsignojn en formo de naciaj flagoj, uzitajn en multaj delegitaj kunvenoj, li farigis en sia deĵorejo.

La 24an de novembro 1975 mortis

**Otto-Heinrich WINKELHAUS,**
en aĝo de 73 jaroj.

Dum kelkaj jaroj li gvidis la direkcian distrikton Saarbrücken kaj laboris sur fakprelega tereno. Pro siaj prifervojaj meritoj li ricevis la Meritkrucon de la Federacia Respubliko Germanio.

GEFA

### JUGOSLAVIO

En Niŝ forpasis komence de oktobro 1975

**Borislav NIKOLIĈ,** naskiĝinta 1912.

Li estis trajnestro kaj pli ol 35 jarojn ĉe la fervojo. En la esperantista movado de JAFE li ludis gravan rolon.
Li fondis la fervojistan esperantan kulturartan societon en Niŝ. En la jaro 1969 li estis distingita de JEL per merit-ordeno kaj en la 20a datreveno de JAFE en 1975 li ricevis diplomon. La membroj de JAFE perdis bonan kameradon kaj IFEF valoran membron.

### ĈEĤOSLOVAKIO

La ĉeĥa sekcio sciigas al ni la morton de

**Antonin QUADRAT,**

en oktobro 1975, en PRAGO.
Li estis 69 aĝa.

# ANONCOJ

## GERMANIO

Por aranĝo de granda ekspozicio en urba muzeo ni petas materialon, kiel afiŝoj, en Esperanto, de foiroj, kongresoj aŭ aliaj aranĝoj en Esperanto mondo, same: grandaj fotobildoj de kunvenoj, eksterlandaj-fakaj gazetoj kaj prospektoj.
Same ni petas poŝtkartojn, kuvertojn el tuta mondo por montri la vastan korespondan reton pere de Esperanto.
Ni esperas, ke kelkaj el niaj samideanoj havas tiajn objektojn eble ne bezonatajn en la ŝrankoj. Ili estus granda helpo por ni.
Esperante, ke ni ne vane petas, ni dankas korege.
Fervojista Esperanto Grupo Munkeno, la distrikta komisiito.

Josef Weidacher,
8 München 82
Schneefinkenweg 11

## SVISIO

La 17-a EŬROPA FERIOSEMAJNO EN SVISLANDO okazos de la 12-a ĝis la 18-a de septembro 1976 en Magliaso apud la lago de Lugano.
Moderna feriocentro - propra banejo hejtebla - elstara kuirejo - Esperanto-lecionoj diversgradaj - gvidataj ekskursoj variaj - vesperaj prezentadoj distraj.
Anoncojn kaj informpetojn oni adresu al s-ro Ernst Glättli, SAEF-sekretario, Laurstrasse 17, CH-5200 BRUGG (Svislando).



## GEEDZIĜO

Gesinjoroj HERVOUET havas la plezuron sciigi al vi la edziĝon de sia filino Denise HERVOUET kun Hilaire HAPPI, la 8-an de novembro 1975 en PARIZO.



## JAPANA FONDUSO

Ni ne forgesu la japanan fonduson . . .
En la bulteno IF/1-75 (paĝo 4), vi legis pri la japana fonduso kiu celas ebligi al niaj japanaj kolegoj partopreni iam la IFEF-kongresojn.
Okaze de Novjaro, ni volus denove rememorigi al vi tiun fonduson kaj peti vian kontribuon.
Simple pagu al la federacia banko (vidu en ĉiu IF) aŭ al la kasisto de la propra lando. Ne forgesu la indikon "Japana Fonduso".
Dankon.

La Estraro

## KORESPONDADO

Okaze de la Nova Jaro, F.K.S. deziras al siaj korespondantoj kaj al tiuj kiuj baldaŭ aliĝos, prosperan, floran kaj ĝojan korespondadon kun viaj novaj alilandaj geamikoj, kiujn eble vi renkontos dum tiuj neforgeseblaj naciaj aŭ internaciaj kongresoj, kaj tiel pli konatiĝos kun ili, per amikaj rilatoj, per letero, p.k., interŝanĝoj, k.t.p. Sendu hodiaŭ mem vian aliĝon al via nun konata:

**Fervojista Koresponda Servo**
**76, rue Bataille, 69008 LYON, FRANCIO.**

Indiku: nomon, aĝon, adreson kaj dezirojn.
La subskribinto certigas respondi almenaŭ unu foje.

*Sveda folkloro* ►



## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**La redaktofino por la venonta IF estas 10.3.1976.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.